# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Decembro n-ro 12/2008

## FELIĈAN NOVJARON!

Finiĝas 2008, estas tempo konsideri nian agadon dum la lastaj dek du monatoj, festi atingojn kaj lerni de malsukcesoj. Sobre konsiderante la tuton, ni rajtas nek ridi, nek plori. Ni povus fari multe pli, sed ni nur ne permesu, ke malentuziasmo nin regu. Brazila Esperanto-Ligo ne trapasis brilan jaron, sed almenaŭ dignan. Ni (ĉiuj anoj!) klopodu agadi, por ke 2009 estu pli fruktodona. "Mil semoj perdiĝas..." Ne forgesu renovigi vian aliĝon kaj... Feliĉan Novjaron!

## VIZITU LA RETEJON DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO!

Ni ricevis oportunan alvokon de la kunlaborantoj en la Sekretariejo de BEL en Brasília: ĉiu samideano, kiu disponas pri aliro al interreto, foje vizitu nian retpaĝaron. Ĝi estas altvalora servo de la Asocio por ĉiu agema, konscienca samideano. Danke al serioza kaj konstanta laboro de Inĝ. Adonis Saliba, nia paĝaro estas riĉa je informoj kaj eblecoj: pri la funkciado de nia institucio, pri la Brazila Kongreso 2009, pri aliĝo al BEL kaj al BEJO, pri nia revuo "Brazila Esperantisto", pri nia lando, pri la Esperantomovado ĝenerale, pri la virtuala libroservo. Ĉiu el ni devus ofte mendi librojn... kaj legi ilin! Jen subtila sugesto por la Kristnaskaj donacoj! Koran dankon, Saliba.

## KURSO FINITA, KURSO KOMENCOTA EN VOLTA REDONDA / RJ

foto: www.aerj.org.br

Laŭ simpatia letero de la ĉiam agema Inĝ. Alberto Flores, finiĝis baza kurso de Esperanto en "Centro Gerontológico J.M.Taylor" (R 46, nº 12). Finis la kurson 13 gelernantoj, kiuj omaĝis la veteranan instruiston per arĝenta plato, en kunfrata festo. Jam anonciĝis nova kurso en marto 2009, ĉe tiu sama institucio. La kurso daŭros sep monatojn kaj la lecionoj okazos ĉiumerkrede, de la 8:30 h ĝis la 10-a horo. La enskribiĝo estos senpaga, sed lernontoj devos aĉeti la lernolibron. En gerontologia centro, lernado de Esperanto estas konsiderata kiel altvalora rimedo por stimuli kaj plivigligi la cerbon. Interesatoj telefonu al (24) 2102-0902.

## ESPERANTO EN TELEVIDO EN FLORIANÓPOLIS / SC

En la unua semajno de decembro 2008 "TV Câmara", kanaloj 16 kaj 23 registris intervjuon kun geesperantistoj: Salvelina Silva, Antonio F. Silva kaj Felipe O. Queiroz (estrarano de BEJO) neformale informis pri niaj lingvo kaj kulturo. Oni montros la programon je la 19-a (18-a horo), 20-a (10-a horo) kaj 22-a (14-a horo) de decembro. La respondeculoj de la televidkanalo kontaktis kun nia movado pere de lokaj pioniroj Evaldo Pauli kaj Walter Boppré, antaŭ longe.

Ĉu vi ankoraŭ ne legis la lastan numeron de "BRAZILEI"? Elŝutu ĝin rekte el la retejo de Brazila ILEI-Sekcio: www.ileibr.org/brazilei

**Ĉu vi jam aliĝis al BEL por 2009?**
**Brazila Esperanto-Ligo konsistas el ties Membroj kaj vi estas unu el tiuj gravaj homoj!**

### FELIZ ANO NOVO!

Termina 2008, é tempo de refletir. Temos conquistas a comemorar e falhas a corrigir. Importa manter a convicção de que vale a pena continuar a trabalhar pela nossa Liga Brasileira de Esperanto. "Perdem-se mil sementes..." Cabe a cada sócio, a cada Esperantista, continuar e aperfeiçoar o trabalho.

Não se esqueça de renovar sua adesão e... Feliz Ano Novo!

### ESPERANTO NA TV, EM FLORIANÓPOLIS

Neste mês de dezembro, a TV Câmara, canais 16 e 23, veiculam entrevista gravada com ativistas do movimento Esperantista local, sobre a língua e sua cultura. Os programas serão mostrados nos dias 19, 20 e 22 de dezembro.

### VISITE A PÁGINA DA LIGA!

Nossa Secretaria, em Brasília, reitera a conveniência de se acessar o sítio da BEL na internet. Sob a competente direção de Adonis Saliba, este tem sido um dos mais valiosos serviços da Liga a seus sócios e à comunidade Esperantista em geral. São muitas informações úteis e atualizadas, sobre a revista "Brazila Esperantisto", Juventude Esperantista Brasileira, movimento brasileiro e mundial e serviço de venda de livros. Visite!

### CURSOS EM VOLTA REDONDA

O veterano e smpre ativo Eng. Alberto Flores informa encerramento de mais um curso básico de Esperanto no Centro Gerontológico J. M. Taylor R. 46 nº12, Volta Redonda / RJ). E já anuncia novo curso a principiar em março de 2009, às quartas-feiras, de 8:30 h às 10:00 h, com duração prevista de sete meses. O curso será gratuito, bastando adquirir o livro didático. Tel.: (24)2102-0902.

### "BRAZILEI"

Já leu o último número de "Brazilei"? Se não leu... o quê está esperando?! www.ileibr.org/brazilei

**Já renovou sua adesão para 2009? Nossa Liga é formada por seus Sócios e você é uma dessas pessoas especiais!**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Decembro n-ro 12/2008


## EKSPRESA KURSO EN JUIZ DE FORA / MG

foto: BEL-retbildaro

Je la 12-a de januaro 2009 komenciĝos ekspresa kurso de baza Esperanto en la urbo Juiz de Fora, ŝtato Minas Gerais, ĉe ACBEU (R. Braz Bernardino, 73). La lecionoj okazos de lundoj ĝis ĵaŭdoj, ĝis la 29-a de januaro. Instruos la tre aktiva samideanino Angela Faria (tel. 3234-2329 kaj 9936-9286). La kurso certe celas interalie plimultigi la partoprenontojn en la proksima Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazos en julio 2009, en tiu sama urbo. La loka grupo, kiu laboras por la evento aktive kaj kompetente agadas. Vizitu la koncernan retejon por pliaj informoj.

## PRELEGO PRI ESPERANTO EN SALTO LONTRA / PR

Je la 13-a de novembro, advokato Roger C. Goardi prelegis pri Esperanto en Ŝtata Lernejo Kvartalo Itaipu, en la Urbo Salto Lontra, ŝtato Paraná. Ĉeestis gelernantoj, iliaj gepatroj kaj instruistoj. Oni transdonis bazajn informojn pri la lingvo, ĝia historio, movado kaj lerneblecoj. La evento estas parto de projekto por informado pri Esperanto en aliaj lernejoj, en tiu urbo.

## POLA RADIO ALVOKAS

Aŭskultado de radiprogramoj estas taŭga maniero plibonigi la lingvonivelon, informiĝi pri nia kulturo kaj apogi niajn aktivulojn. En Brazilo, lastatempe, la programo "Parolu Mondo" furoras per altnivelaj prezentoj (gratulon, Mirna kaj Emílio Cid!). Radio Vatikana kaj Radio Havana nuntempe festas milojn da programoj, jam de jardekoj. Ankaŭ la rusa revuo "La Ondo de Esperanto" prezentas sian bonegan parolan materialon. Ni apogu ilin per aŭskultado kaj reagoj! De Pola Radio ni ricevis la jenan mesaĝon:

"Karaj Radio-geamikoj, Sen viaj rimarkoj kaj opinioj ni ne povas plibonigi nian laboron (...). Ne avaru do ilin, memorante, ke de jaroj niaj elsendoj aperas kiel frukto de nia reciproka kunlaboro. Dankante pri la ĝinunaj opiniesprimoj, ni atendas laŭvicajn, pro ĉiuj kore dankante. Niaj adresoj: esperanto@polskieradio.pl aŭ/kaj barbarinella@gmail.com. Atentu, ke ĉiutage vi trovas en Pola Radio la originalan E-programon, do ne sole semajnfine. Pretigante laŭeble allogajn programerojn, ni konsideras diversajn interesiĝojn de niaj geaŭskultantoj. Do, lunde ni parolas pri Pollando en Eŭropo kaj en la mondo - ĉefe laŭ la ekonomia vidpunkto, merkrede ni proksimigas la polajn sociajn problemojn, en la ĵauda programo speguliĝas aferoj ligitaj kun la pola kultura vivo kaj kunlaboro. Marde tamen la ĉefan atenton ni donas al la E-Gazetaro, kies tekstoj (same kiel tiujn de la ĉiutagaj novaĵoj kaj la ciklaj felietonoj "Ni invitas al Pollando") estas legeblaj en nia TTT-ejo. La ĉiutagajn E-elsendojn vi povas aŭskulti rekte pere de nia paĝaro: http://www.polskieradio.pl/eo/ Se vi deziras savi la elsendojn vizitu la paĝon http://www.polskieradio.pl/podcast/39/podcast.xml.(...)Do aŭskultu nin kaj aŭskultigu aliajn! Anticipan dankon!! Amike kaj kore, Esperanto Redakcio de Pola Radio."

## O "FAROL" BRILHA, SIMPÁTICO!

De Dina L. Andreani recebemos mais um número de "Lumturo", da cidade de Bauru / SP. Peça o seu exemplar: R. Manoel P. Rolla 18-50 / 83ª CEP 17012-196.

**BEL-*konferencoj 2009***

Poços de Caldas /MG — de la 22a ĝis la 23a de februaro

### CURSO INTENSIVO EM JUIZ DE FORA

Em 12 de janeiro de 2009 terá início curso intensivo de Esperanto na cidade de Minas Gerais que sediará o próximo Congresso Brasileiro de Esperanto. Serão aulas de segundas a quintas-feiras, até 29 de janeiro, ministradas pela profª Angela Faria. Tel.: 3234-2329 e 9936-9286.

### PALESTRA EM SALTO LONTRA

Em 13 de novembro último, Roger C. Goardi fez palestra sobre o Esperanto em Salto Lontra / PR, para alunos, pais e professores, sobre a língua, sua história e movimento. Projeta-se repetir o evento em outras escolas da cidade.

### RÁDIO POLÔNIA CONVIDA

A audiência a programas de rádio em Esperanto saão uma ótima maneira de se aperfeiçoar no idioma, inteorar-se de nossa cultura e apoiar nossos ativistas. No Brasil, o programa "Parolu Mondo" tem feito sucesso pelo alto nível de suas apresentações (parabéns, Mirna e Emílio Cid!). As rádios Vaticano e Havana estão comemorando décadas de trabalho contínuo e milhares de transmissões. Também a revista russa "La Ondo de Esperanto" tem ótimo material falado, na internet. Devemos apoiá-los, enviando comentários. Da Rádio Polônia, recebemos simpática mensagem, convidando à audiência pelo sítio: http://www.polskieradio.pl/eo/

Os programas, em linguagem e pronúncia irrepreensíveis, tratam de economia, cultura geral, folhetins, resumo de revistas Esperantistas, etc.. É possível "salvar" arquivos para posterior acesso. A Rádio Polônia merece nosso apoio!

### LUMTURO SIMPATIE LUMAS

De la respondeculo Dina L. Andreani ni ricevis plian numeron de "Lumturo", el la urbo Bauru / SP. Se vi volas ricevi la simpatian bulteneton, scribu: R. Manoel P. Rolla 18-50 / 83ª CEP17012-196.

**Ciclo de konferências 2009 da LBE**
**Poços de Caldas / MG**
**de 22 a 23 de fevereiro**